# Enhavo

## Ni skibu ĝuste la nomojn kaj adresojn!

En la 9-a numero de Esperantisto Slovaka sur pĝ. 124 mi legas rusan nomon *Cholopovov.* Ankaŭ en la 8-a lumero sur pĝ. 96 estas skribite *Petluchin.* Mi opinias, ke ne estas ĝuste tiamaniere reskribi nomojn el lingvo kiu ne uzas latinan alfabeton.

Ĉiu nacio reskribas tiajn nomojn alimaniere sed ĉiam proksimume laŭ prononcado en sia propra lingvo. Ekz. ni skribas slovake kaj ĉeĥe*Charkov, Ždanov, Žaškov, Kolyma, Irtyš* ktp., sed okcidentanoj skribas *Kharkov, Shdanov, Shashkov, Kolima Irtish.* Tial ni esperantistoj devas en Esperantaj tekstoj skribi *Ĥolopovov, Petluĥin, Ĥarkov, Ĵdanov, Ĵaŝkov, Kolima Irtiŝ* ktp., ĉar se ni intermiksus literojn laŭ iu nacia lingvo, povus okazi miskompreno. Tamen ne estas necese iri tiom ekstremen kiel Kalocsay, kiu skribas Anjegin anst. Onegin. aŭ Onjegin.

Ankaŭ mi vidis en rubriko de korespnd-anoncoj, ke iuj bulgaraj samideanoj skribas franceme ekz. *Bourgas* anst. *Burgas* aŭ ŝatas skribi la nomfinaĵon *-ov* kiel *-off,* kion mi konsideras malĝusta ĉe esperantistoj.

Se ni slovakaj kaj ĉeĥaj samideanoj skribos *ch* anst. *ĥ,* ni devas ne forgesi, ke alilingvaj samideanoj legos tiajn vorton malĝuste ĉar *ch* estas ofte legata *ĉ* au *ŝ.*

Kelkfoje mi ankaŭ rimarkis, ekz. en la 5a leciono de kurso de Esperanto-korespondado, en recenzo pri stenografio, ke vi ne ĝuste skribas adresojn. La maniero de adreso-skribado ja estas nun internacie normigita kaj oni devas čiam indiki la stratonomon kaj domnumeron antaŭ la urbnomo, do ekz.: Adolf Staňura, Táborská 42, Ostrava-Radvanice. *A. St.*

# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ČSR-Slovakujo
VI-a JARKOLEKTO • JANUARO 1951 • NUMERO 1

## Enhavo:



## Informoj de SES:

Slov. esperantské sdruženie a všetky jeho organizačné i pracovné složky želajú svojim spolupracovníkom v Novom roku — treťom roku Gottwaldovej päťročnice — veľa budovateľských úspechov, v znamení hesla: „Buduj republiku, posilníš mier!“

Slov. esperantské sdruženie poslalo pozdravný telegram I. sjazdu čsl. obrancov mieru v Prahe a listovný pozdrav ustavujúcemu valnému shromaždeniu Čínskej esperantskej ligy v Pekine.

Pozdravujeme samideána Adolfa Malíka, predsedu EAČSR v Prahe, z príležitosti jeho abrahamovín, ktoré dosiahol v októbri m. r. Ako vedúci esperant. oddelenia pri Min. inf. a osv. v Prahe stará sa o zapojenie medzinár. pomocnej reči a esperant. organizácie do služieb pokroku a mieru. K Slovensku má veľmi srdečný vzťah, vyplývajúci z jeho pôsobenia v Tisovci, za prvej ČSR.

**Vítame nového nádejného esperantistu,** Borislava Rosu, syna Pavla Rosu, predsedu SES a Márie rod. Hartlovej.

**Vyslovujeme úprimnú sústrasť** Št. R. Seemannovi z príležitosti úmrtia jeho matky.

Nakladateľstvo Tatran v Bratislave vydá pre Pov. inf. a osvety esperant. preklad prvých dvoch slov. kníh (Plávkovu sbierku básní a Mináčov román).

Kultura Revuo, ktorý dosiahol už náklad 1350 ex., bude sa tlačiť v kníhtlačiarni Tatran v Martine pod dozorom Slov. esperant. ústavu.

Prosíme, pripojenou složenkou poukážte hneď členovské a predplatné na časopis Kčs 100.— (člen. SES Kčs 30.—, predplatné Kčs 70.—). Predplatné do cudziny Kčs 80.—). Vždy vyznačte, za čo platíte a všetky platby poukážte jedinou složenkou. Neposielajte peniaze v liste, ale vyžiadajte si složenku, alebo vyplňte bianko složenku, ktorú dostanete na každej pošte, napíšte číslo účtu: S-9615, názov účtu: Slov. esperant. ústav, Martin. — Náš časopis žije len z príspevkov samideánov a preto prosíme, neodkladajte a ak môžete, poukážte i nadplatok na tlačový fond, ktorý nám umožňuje zdokonaliť tlačovú službu.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Martin, Slovakotour), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Pošt. sporit.: S-9615, Slov. esperantský ústav, Martin. — Novin. výplatné pov. Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO č. 27.407/49-III/2.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: Martin, Slovakotour, ČSR-Slovakujo), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj ja respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: Tlač. závody TATRAN, n. p., Martin.

---

Keď žiadate informáciu od Slov. esperant. ústavu, alebo od Slov. esperant. sdruženia (adresa organiz. odboru: Martin, Slovakotour, ústr. výboru: Bratislava-I., Zámočnícka 8/I), pripojte zpiatočnú obálku so známkou. Pomôžete nám a zaistíte si odpoveď.

Získavajte ďalších predplatiteľov časopisu a predplaťte ho svojim známym a dopisovateľom v cudzine. Vychádzame nákladom 2000 ex. a nemôžeme si ho nechávať na sklade. Rozširujte ho preto horlive!

## NOVÍ DÔVERNÍCI.

BAN. BYSTRICA. — Dipe **Andrej Gregorčok**, úradník, B. Bystrica, Benešova 75, RSD.

KOŠICE. — Dipe: **Alex. Andreas,** referent DHPV, Košice, Štúrova okružná č. 43.

PREŠOV. — Repe: **MVDr. Koloman Chovan**, krajský zverolekár, Prešov, Stalinova 32.
Dipe: **Andrej Beisetzer,** úradník ČSD, Prešov, Štúrova 14.

SPIŠSKÁ SOBOTA. — Lope: **Jozef Červeň**, študent, Spišská Sobota, okr. Poprad.

## ZMENY.

MICHALOVCE. — Dipe: uprázdnené.

NOVÁ BAŇA. — Dipe (správna adresa): **Vojtech Reus**, oficisto, Nová Baňa, Leninovo nám. 103.

TRENČÍN. — Lope: **Rudolf Bušo**, oficisto, Trenčín, Štefánikova 36/I.

KRÁĽ. CHLMEC. — Dipe: **Imrich Plachy**, Pribeník, Tatraľan, n. p., okr. Kráľ. Chlmec.

PRIBENÍK. — Lope: **viď Dipe Kráľ. Chlmec.**

**Kraj Žilina.**

Repe: **Augustín Čambál**, tech. úr., Martin, Rázusova 130.

MARTIN. — Lope: **Anton Weiss**, úr., Martin, Horváthova 2.

SVIT. — Repe: uprázdnené.

## PERANTOJ!

Úlohy v zimnej sezóne: 1. Pripraviť a usporiadať kurz najmenej 25-hodinový. 2. Starať sa o nevtieravú propagáciu. 3. Podávať zprávy (lope al dipe, dipe al repe, repe al SES-OF Martin. Slovakotour, o kurzoch a podujatiach, ktoré sa uskutočnily). 4. Podávať zprávy o všetkých miestnych skupinách SES a o esperant. krúžkoch iných organizácií, dokonca i to takých, ktoré boly založené, ale nefungujú. Vyznačte: názov spolku, či krúžku, adresu klubovne, presný čas schôdzok; meno vedúceho, ktorému treba posielať poštu. 5. Starať sa o riadne účinkovanie klubov (s osvetovým a zábavným programom, s osobitným zreteľom na zdokonaľovanie sa v reči). 6. Pripraviť krajovú schôdzku.

ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ĈSR-Slovakujo
VI-a JARKOLEKTO • JANUARO 1951 • NUMERO 1

# EAĈSR eksiĝis el UEA

La 30-an de dec. 1950 okazis en Praha eksterordinara kunveno de la komitato kaj regionaj delegitoj de EAĈSR (Esperanto-Asocio en ĈSR). S-ano A. Malík, prezidanto de EAĈSR raportis enkonduke, ke la nuntempa internacia situacio postulis, ke ni reviziu nian sintenon al UEA kiel centra organizo esperantista. Inter aliaj s-ano Malík akcentis, ke UEA pro diversaj kaŭzoj ne estas tia organizo, en kiu la landaj esperantistaj asocioj el popoldemokrataj landoj povus validigi sian koncepton pri certaj problemoj de la internacia esperantista kaj politika vivo, ja ke ĝi (UEA), sub preteksto de sia strikta neŭtraleco, eĉ rifuzis subteni aferon tiel gravan kia estas la porpaca batalo de popoldemokratujoj, bazita sur la Stokholma Deklaro kaj gvidata de Soveta Unio. Pro tiuj ĉi kaŭzoj politikaj kaj ankaŭ pro kaŭzoj organizaj (UEA ne povas rekte influi la movadon en popoldemokratujoj kaj la popoldemokratujanoj, ne povante pagi kotizojn kaj uzi la servojn de UEA, estas nur simbolaj membroj), la gvidantaro de la Esperanto-movado en ĈSR estis starigita antaŭ la dilemon: aŭ eksiĝi el UEA kaj daŭrigi la ekziston de la movado, aŭ pereigi la movadon en ĈSR.

La kunveno ne facile kaj ne facilanime faris sian decidon, kiun certe multaj, precipe eksterlandaj gesamideanoj konsideros neatendita, forta, ja eĉ eble perfida bato de malantaŭ al la tutmonda movado ĵus fortiĝanta kaj reorganiziĝanta. En la debato antaŭ la decido estis — krom la riproĉindaĵoj — cititaj ankaŭ nombraj kaj neniel pridubeblaj meritoj de UEA pri la movado en ĈSR kaj ankaŭ la simpatioj, kiujn UEA montris al ĈSR dum la german-naziista okupado. Tamen la racio devis venki super la sentoj kaj kvankam kun peza koro, estis farita la grava decido, ke EAĈSR eksiĝu el UEA, sed ke tio okazu senriproĉe korekte kaj ke EAĈSR klopodu kvitigi ĉiujn siajn ŝuldojn ĉe UEA.

Ĉiuj s-anoj en ĈSR scias, kiajn eblajn sekvojn povas havi tiu ĉi decido por la internacia movado. Sed ili samtempe scias, kiajn pozitivajn sekvojn ĝi havos: Antaŭ ĉio la movado en ĈSR liberiĝos el sub la suspekto, ke en nia ekzistanta popoldemokrata sistemo ĝi volas resti movado kosmopolita, kaj per sia deklaro pri preteco plene subteni la grandan pacbatalon de popoldemokratujoj ĝi gajnos bazon por sia plena ekzisto kaj rekonon de aŭtoritatoj kiel pozitiva faktoro en konstruo de nia spirita estanteco.

Do EAĈSR ne ĉesas ekzisti, ĝi nur ŝanĝas sian internacian orientiĝon. Estas antaŭvidata fondo de Internacia Ligo de Progresemaj Esperantistoj (ILPE). La fondo de tiu ĉi Ligo, bazita sur principoj harmoniantaj kun konstitucioj de popoldemokratujoj, estos gravega movilo por la movadoj en popoldemokratujoj, en kiuj esperantismo — ĵus pro suspekto pri kosmopolitismo — ne nur ne ricevas oficialan rekonon kaj subtenon, sed estas apenaŭ ankoraŭ tolerata. ILPE estos organizo kunlaboranta intime kun la pacbatalo de popoldemokratujoj kaj reprezentos do movadon, kiu estos akceptebla ankaŭ en la landoj de sud-orienta Eŭropo, Soveta Unio kaj Ĉinio. Kompreneble, en ILPE estos Esperanto kulturata nur kiel ilo de internacia interkompreniĝado, do sen la interna ideo, kiu ja estas la punkto, en kiu fokusiĝas la plejparto de la akuzoj kaj atakoj pro kosmopolitismo. Sed tamen, eĉ en tiuj ĉi cirkonstancoj la fondo de ILPE signifos, ke la grandega areo, kies landaj asocioj ne povas (aŭ ne volas) aliĝi al UEA, havos Esperanto-organizon de internacia karaktero kun propraj kongresoj, ĵurnalo ktp., kiu kapablos progresigi la ideon de internacia lingvo en tiu ĉi areo kaj eĉ ekster ĝi, uzante Esperanton praktike, precipe en porpacaj klopodoj. Kian signifon havos la partopreno de Soveta Unio kaj Ĉinio en la organizita Esperanto movado, tion ja ĉiu tuj vidas. Sed gajni tiujn ĉi du egajn kunanojn estas eble nur sur bazo por ili akceptebla — kaj tiu bazo estos ĵus ILPE!

Estas neniel intenco izoligi ILPE de UEA aŭ de la internacia vivo. Malgraŭ malsamaj konceptoj pri multaj esencaj aferoj, ILPE estos preta kunlabori kun UEA kaj aliaj organizoj en ĉiuj aferoj, kie iliaj interesoj estos paralelaj.

Ĵus tiuj ĉi pozitivaj momentoj: sekurigi sian ekziston kaj revivigi kaj florigi la movadon en popoldemokratujoj estis la ĉefaj kialoj por la paŝo de EAĈSR, ĉar ni volas fari el teritorioj laŭ esperantista vidpunkto stepiĝantaj denove teritoriojn verdiĝantajn.

*Št. R. Seemann:*

## *Novjaraj pensoj*

*Denove ni festas, denove ni pensas*
*pri paco, pacema homaro,*
*denove esperas, ke venkos ideo*
*la nia en Nova la jaro.*

*Ne savos la mondon jam antaŭ milito*
*diversaj naciaj savantoj,*
*ĝin savos la granda porpaca movado*
*de kiu ni estas perantoj.*

*Do kvankam la griza ĉielo homara*
*profetas militon kruelan,*
*ni firme nur kredu kaj ĉiam kuraĝe*
*konfesu Ideon la belan.*

*J. Št. Navala:*

## Slavaj elementoj en la nedefinitiva Esperanto

Tiu ĉi artikolo ne volas esti ia grava lingvistika traktato pri Esperanto. Ĝi nur volas noti kelkajn ĝis nun nevaste konatajn faktojn koncerne la Zamenhofan „Lingvo Internacia". La scivolulojn oni povus kontentigi per deklaro, ke temas pleje pri la ortografia flanko de la lingvo en ĝia evolu-fazo el jaro 1881. Sed oni ne anticipu la aferojn!

Mi estas konvinkita, ke al multaj esperantistoj estas konata la poemfragmento el la „Lingwe Universala", la ĝermo de posta Esperanto, el la letero de Zamenhof al Borovko pri la deveno de Esperanto, kiu tekstas:

Malamikete de las nacjes
Kadó, kadó, jam temp' està!
La tot' homoze in familje
Konunigare so debà.

Sed certe nemultaj havis la okazon legi ion el la lingvaĵo de Esperanto el tempo inter la „Lingwe Uniwersala" kaj „Lingvo Internacia",

publikita en la kvar broŝuretoj en jaro 1887. (La rusa broŝureto portis la titolon: „Dr. Esperanto. Meždunarodnyj jazyk. Predislovie i polnyj učebnik.“)

Foliumante antaŭ nelonge en malnovaj gazet-jarkolektoj, mi trovis interesan artikolon en la 1-a nro de „Lingvo Libro“ el jaro 1938. La artikolon verkis Gaston Waringhien kaj la rara titolo, kiu vekis mian intereson estas: „Praesperanto II“. (Pra-Esperanto I. — Lingwe Uniwersala.)

Kiel konate, Zamenhof plurfoje tralaboris sian lingvo-projekton antaŭ ol publiki ĝin en jaro 1887. La esprimo „Praesperanto II.“ en la artikolo de G. Waringhien koncernas la lingvon en ĝia evolufazo el jaro 1881.

En la indikita n-ro de Lingvo Libro oni povas legi diversajn klarigojn koncerne Lingvon Universalan el plumo de Zamenhof mem. Nin interesas antaŭ ĉio la supersignitaj konsonantoj. Ili estas tute identaj kun la niaj. Pri ili Zamenhof diras: „La supersignitaj konsonantoj havis dum longa tempo la formom „*č*“ (ĉ), „*ž*“ (ĵ), „*dž*“ (ĝ), „*š*“ (ŝ).“ Mankas mencio pri literoj *ĥ* kaj *ŭ*, kiuj en Pra-Esperanto I. kaj II. versimile ne ekzistis.

Mi kopiis laŭ-litere eĉ laŭ-interpunkcie tiu-tempe tradukitan Heine-poemom:

**BALLADO.**

Mo bella princino il sonto vidà
Ko žuoj malsešaj e palaj
Sul dillo, sul verda no koe sidà
Il armoj amizaj e kalaj.

„La kron'de ta padro fio pu mo esté,
La ora, la redža ra sello!
La skepro diantiza, rol mo ne volé,
Tol mem koj volé mo, ma bella!

Fo et ne estebla, šo pallu a mo,
Kor et i la tombo kušé mo
E koj i la nokto vioné mo a to,
Kor tol fe prekale amé mo!“

Tiu ĉi balado aperis ankaŭ en la broŝureto „Meždunarodnyj jazyk . . . por Rusoj“ (pĝ. 22-23.) en jena formo:

**V. EL HEINE.**

En sonĝo princinon mi vidis
Kun vangoj malsekaj de ploro, —
Sub arbo, sub verda ni sidis
Tenante sin koro ĉe koro.

„De l'patro de l'via la krono
Por mi ĝi ne estas havinda!
For, for lia sceptro kaj trono —
Vin mem mi deziras, aminda!“

— „Ne eble!“ ŝi al mi rediras:
„En tombo mi estas tenata;
Mi nur en la nokto eliras
Al vi, mia sole amata!“

(En la originalo ĉiu afikso, radiko kaj gramatika finaĵo estas per komo apartigita, ekzemple: princ,in,o,n mal,sek,a,j.)

Krom la slavaj literoj supersignitaj en tiu ĉi fazo de Esperanto oni trovas ankaŭ aliajn elementojn — *slavismojn* en Lingvo Internacia. Jen ekzemple: diftongoj — *ia, iu, io*. La vortoj *diantiza, vioné* estas tri- respektive du-silabaj kaj la vorto *fio* unusilaba. Tio estas konstatebla laŭ la respektivaj verso-silaboj, kies nombro en la malparaj linioj estas 11 kaj en la paraj 9. Cetere Zamenhof mem diras: „La „i“ antaŭ aŭ post vokalo estis tiam elparolata kiel „j“, ekzemple „fiu“ estis legata „fju“.“

Estas menciinde ankoraŭ, ke (laŭ G. Waringhien) *la futuraj participoj*, same kiel en la slavaj lingvoj — *ne ekzistis*.

La slava prefikso *pre-*, kiun ni havas en slovakaj vortoj — *predobrý, prepekný*, ktp., servis prefikse anstataŭ la nuna sufikso *-eg-*. (En la traduko el 1887 la esprimo: Tenante *sin* estas ankaŭ slavismo.)

En la nelonge pasintaj jaroj oni multe diskutis pri la „ĉapelitaj“ literoj. La argumentoj kontraŭ ili estis diversaj: gravaj, negravaj, pravaj eĉ malpravaj. Eble la plej grava estis, ke *nur tre malmultaj presejoj posedas literojn supersignitajn — Esperantajn*. Tiu ĉi fakto certe forte bremsas la preseblon de esperantaĵoj kaj sekve eĉ la disvastiĝon de Esperanto. Ĉu ekzistus tiu ĉi kaŭzo, se en Esperanto estus restintaj la slavaj supersignitaj konsonantoj?!

---

*Ni deziras*

# *Sukcesplenan Novan Jaron*

*al ĉiuj niaj kunlaborantoj kaj abonantoj!*

*Ni dankas al ĉiuj, kiuj sendis kristnaskan kaj novjaran bondeziron al la redakcio, al Slovaka Esperanto-Societo kaj Instituto aŭ persone al la redaktoroj, tiamaniere kuraĝiginte nin al plua laboro.*

*La bondezirojn ni sincere reciprokas.*

---

*Sindoseitaro:*

# Ĉu Esperanto estas por ĉiu facila lingvo?

„Mi volas aparte atentigi pri la fakto, tute malatentata de vi eŭropanoj, kian grandan laboron devas plenumi japano, kiu ne lernis antaŭe iun eŭropan lingvon, kies pliraciigo estas, por tiel diri, nia Esperanto. En tiu ĉi rilato por ni, nia japana lingvo posedas preskaŭ nenion komunan kun Esperanto, escepte kelkajn rilatojn fundamentajn al la homa lingvo ĝenerale. Ĝiaj vortradikoj estas tute malsimilaj al tiuj de eŭropaj lingvofamilioj. Ĝia vortordo kaj la frazkonstruo estas malsamaj, la predikata parto kun ĝia verbo ne sekvas tuj la subjekton, sed ĝenerale metiĝas en la finon de la propozicio. Ĝi ne havas prepoziciojn, sed anstataŭe postpoziciojn. Ĉiu japano, lernanta Esperanton, la plej simplan kaj plej facile lerneblan ankaŭ por li, devas venki malfacilaĵojn, rezultantajn de ĉi tiuj radikalaj diferencoj, kion la eŭropanoj apenaŭ povas kompreni. Al japanaj esperantistoj ofte mankas abundo da vortoj uzindaj kaj foje enŝteliĝas frazkonstruoj strange fremdaj al niaj aŭropaj samideanoj. Sed la pli atentemaj ne preterlasas okazojn rimarki la ĝuste kontrastajn efikojn, kiuj ĝenerale okazadas en lernado de io tute fremda. Pro la tro okulfrapaj diferencoj, la atento de la lernanto trovas nenian okazon sin malstreĉi, ĉar ne troviĝas kaŭzo de malatenta konfuzo, naskiĝanta el troa simileco. Tio ĉi evidentiĝas, se oni havas japanon inter siaj korespondantoj.

Kvazaŭ por atesti ala supreditan, tute kontraŭaj fenomenoj okazas al eŭropanoj. Mi mem havas tre multajn spertojn pri miaj eŭropaj korespondantoj. Eŭropaj lingvoj havas tro multe da similaĵoj al Esperanto kaj miaj korespondantoj havis sufiĉe da okazoj malkaŝi, kiel ili lernas Esperanton facilanime kaj preskaŭ malzorge, kaj poste faras gramatikajn erarojn tute senĝene por si, sed por nia granda domaĝo. Ili uzas tute senbezone la akuzativon post iaj prepozicioj — en tio kulpas ilia gepatra lingvo, tion postulanta laŭkaze kaj tute blinde. Kelkaj forgesas akordigi adjektivon al la substantivo kaze aŭ nombre — ĉi tie mi simple ne scias la kialon kaj mi devas ĝin atribui al pura foresto de bona atento en la elementa lernado de nia tro facila helplingvo. Estas tute amuze vidi, ke simile

pekas ankaŭ japanoj lernintaj eŭropajn lingvojn; ilia atento estas certe pli multe altirita de la internacieco-simileco de Esperantaj vortoj al tiuj de la lingvoj lernitaj de ili, sed ili kontraŭe forgesas, ke *Esperanto havas sian propran sendependan ekziston.*

Pro ĉi tiuj spertoj, rezultantaj el mia 30-jara esperantisteco, mi petas de vi grandaniman indulgemon al niaj komencantoj kaj bonaniman kuraĝigon kaj helpon". (Eltiraĵo el letero al samideanino *Milda Jakubcová*).

*Martin Benka:*

# Pri la slovaka arto

V.

En tiun ĉi renesancon slovakan devis veni novaj artistoj, finintaj eĉ ne finintaj sian studadon, por labori hejme aŭ fini hejme en sia Ĉeĥoslovaka Respubliko la fakan klerigon.

„Kaj devis veni ankoraŭ aliaj, pli eksplodemaj, pli ofensivemaj kaj dinamismaj. Unu el ili estis pentristo de tempoj antaŭ la ŝtatrenverso, kiu deklaris la unuajn, daŭre validajn principojn. Li aperis kun sia konfesio artista post paso de la unua revolucia entuziasmo, kiam povis komenciĝi la krea laboro eĉ kiam li mem estis trapenetrita per spirito revoluciema. Li estis decidita konstrui verkon super la konvinkiteco de la antaŭaj generacioj. Kaj en la dirita troviĝas la radiko de tio, ke Martin Benka enskribiĝis en la novajn histori-paĝojn de nia belarto."

Pentristo *Martin Benka* naskiĝis 1888 en Kiripolec, (nun Kostolište, en distrikto Malacky). Pentrarton li studis en la privata lernejo de majstro Alojz Kalvoda, ĉeĥa artpentristo en Praha. Li travojaĝis preskaŭ ĉiujn landojn en Eŭropo por konatiĝi kun la tutmonda belarto, kaj studi ĝin. Per sia arto li alportis novan spiriton kaj li estas la unua slovaka artisto, kiu ne serĉis laboron kaj helpon en fremdlando, sed kiel libera artisto jam laboris en sia libera lando. Li ekspoziciis en Francio, Italio, Aŭstrio, Pollando, Sovetio kaj en Usono. Lia arto ĉerpas el la popola vivo, el medio de laborantaj homoj sur altaj montoj aŭ sur vastaj ebenaĵoj. Li aliĝis al neniu ekstrema direkto. Lia opinio estas: „La arto apartenas al ĉiuj, de simplulo ĝis artofrandemulo, tial ĝi estu komprenebla al ĉiuj. La artisto ne parolas per sia arto nur al unuopuloj, sed al ĉiuj.

Pro sia arto li ricevis ŝtatan rekonon kaj premiojn, kaj eksterlande diplomon en Parizo kaj medalionon en Usono. En jaro 1940 li fariĝis profesoro de Teknika Altlernejo en Bratislava, kie li organizis sekcion de desegnado kaj pentrado, kaj kie li instruis dum ĉirkaŭ tri jaroj. La profesoran postenon de li transprenis Gustáv Mallý.

Jam kiel pretaj artistoj venis el Hungario post 1918 kaj ĉe la publiko nesufiĉe konataj estas: Karol Šovanka, pentristo kaj skulptisto, J. Struhár, pentristo kaj instruisto, Viktor Krupec, pentristo, J. Milan, pentristo kaj instruisto, Andrej Kováčik, pentristo, skulptisto kaj grafikisto, J. Ladvenica, pentristo (ĉi lasta venis el Aŭstrio) ktp.

Jenaj venis hejmen por daŭrigi aŭ fini la studadon: Janko Alexy, Miloš Bazovský, Štefan Straka, Laco Treskoň, Frico Motoška, Vojtech Ihriský, L. Majerský, Joz. Pospíšil kaj post ĉi tiuj venis novaj, vigle freŝaj generacioj de artistoj.

En la hejma libera atmosfero elkreskis ne nur pentristoj, skulptistoj sed ankaŭ arkitektoj. Post Dušan Jurkovič kaj Milan Harminc aperis Juraj Tvarožek, Ján Burjan, Juraj Palkovič, Em. Belluš kaj aliaj, kiujn pro koncizeco ni ne nomas. Ni haltos nur ĉe tiuj, kiuj eminentiĝis kaj kies arto signifas alporton por la arto kaj kulturo de la libere vivanta nacio.

Ni menciu unue triopon: Janko Alexy, Miloš Bazovský kaj Zolo Palugyay, kiuj marŝis samvoje serĉante memstare propran artesprimon. Komence ili provis pentri laŭ Benka, sed vizitinte la artisto-centron en Parizo, iliaj vojo kaj arto ŝanĝiĝis. Ili unuope serĉis modernajn ismojn. Janko Alexy restis sur ora mezvojo, Zolo Palugyay tragike mortis en Altaj Tatroj kaj la vojo de Miloš Bazovský kondukis sian vojiranton al formalismo. Ilia arto, elkreskinta el la hejma tero, ja ĉe ĉiu individue, havas aromon de hejma floraro, precipe tiu de Miloš Bazovský.

Al tiuj ĉi artistoj, kvankam pli juna ol ili, apartenas pentristo Karol Ondreička (1898 en Dubnica n/Váhom). Li finis la Artindustrian Lernejon en Praha. „Kiel multaj aliaj, kiuj finis la menciitan lernejon, alportis en si multe da „dekorativismo" — diras D-ro Wagner en sia libro pri la slovaka arto — tial la „formo" servas al li kiel ilo." Lia ĉefverko estas la „Madono de la Slovakaj Montoj". Komence ankaŭ li uzis Benkalinojn, sed al ili mankis la necesa dinamismo. Ankaŭ li estis instruisto, sed translokiĝinte al Turč. Sv. Martin, li trovis postenon en la „Instituo por Plibonigo de Metioj". Por povi vivigi multmembran familion li fa-



Vintro sur montpinto

Pruntedonis „Krásy Slovenska"

riĝis ilustristo de porinfanaj gazetoj kaj libroj. Lastatempe li faras artprojektojn laŭ kiuj oni formas marionetojn.

El la entute nova generacio de slovakaj artistoj, edukitaj jam en novaj cirkonstancoj hejme, en Praha, kiuj havis la plej bonajn kondiĉojn, kiujn ne trafis milito, kiuj ricevis — oni povas diri ĉion, kio povis ilin helpi en la studado kaj sur la vojo al arto, el multnombraj artistoj elkreskis kvar, kiujn ni metas en la unuan vicon.

La unua estas pentristo kaj grafikisto Ľudovít Fulla (1902, Ružomberok) Fulla studcele trapenetris ĉiujn artspecojn disde renesanco, gotiko, baroko ĝis la plej modernaj direktoj kaj tra l' francaj fauistoj, tra chagallismaj kaj kleeo-aj reminiscencoj, ĝis li revenis al la popola primitiva arto kaj vivo, el kiuj li kreis bildojn, profitante ĉiujn elementojn por sia arto.Pro sia moderna arto li ricevis en Parizo diplomon de ora medaliono kaj hejme premiojn. Ľudovít Fulla per sia arto alportis pluan riĉigon al la slovaka artevuluo.

La dua estas Mikuláš Galanda (1895, Turč., Teplice), kiu estas pli grafikisto ol pentristo. Li estas plena kontraŭo de Fulla, malgraŭ tio, ke ili estis bonaj amikoj, la arto de Galanda estas plena de lirikeco en koloroj kaj simpligitaj, delikataj linioj. Pentristo Picasso estis al li modelo. Ili ambaŭ, Fulla kaj Galanda, deklaris en siaj „Privataj Leteroj", adresitaj al la publiko sian kredon, kiun ni nur koncize citas: „La pentraĵo estas kudro de linioj kaj kolorformoj kaj el tiuj ĉi elementoj laŭ normoj de sento ni kreas artverkon."

Mikuláš Galanda mortis junaĝe, sed lia arto vivos plu.

En la nova kaj libera Respubliko kaj el la dua postmilita artista generacio elkreskis la plej signifa slovaka artisto grafikisto — Koloman Sokol (1902, Lipt. Sv. Mikuláš). Pri li diras Dro Vlado Wagner en sia libro „Profilo de la Slovaka Belarto" interalie jenon: „Pri li oni povas diri, ke li estas preskaŭ sola, kiu en la slovaka pentrarto profunde ĉerpis el la socitavoloj samtempaj. En tio ĉi li estas artisto internacia. Per sia talento li iĝis ne nur perfekta grafikisto, sed li fariĝis ankaŭ artisto de ega kre-forto, kiu la animon de siaj modeloj metas en la kreon kaj parolas pri ili en himnego de doloro." ktp. Kelkajn jarojn antaŭ la dua mondmilito li estis invitita al Meksikio, kie li fariĝis profesoro de Grafika Lernejo en Mexico (DF) kaj traorganizis tiun ĉi je Akademio de Belartoj.

Post Koloman Sokol venis juna artisto kaj promesa pentristo *C. Ma-*

*jerník* kiu komence trovis modelojn en francaj post-impresionismaj artistoj, nome en Mattis kaj en la hispana artisto Goya; estante juna, li rapide trakuris diversajn eksperimentojn kaj poste li trovis proprajn artesprimon kaj sujetojn ne nur en sia patrujo, sed ĉie lin interesis la homo troviĝanta en batalo pri sia vivo. Bedaŭre ni povas nur konstati, ke la tragika morto ne permesis al li disvolvi sian talenton por la slovaka belarto kaj ni devas pri li fini nian artikolon.

Dum dudek-tridek jaroj de la Respubliko tiom plimultiĝis la artistoj, ke ni en tiu ĉi konciza skizo ne povas eĉ nomi ĉiujn kaj ni devas nur resendi niajn legantojn al faka literaturo.

Pri la estontaj generacioj artistaj ni lasu paroli la arthistoriistojn.

(Fino)

Literaturo: Dro Vlad. Wagner: Neskorogotické tab. maľby.
Dro Vlad. Wagner: Profil slovenského výtvar. umenia.
Dro Pavel Jakub: Dějiny našeho umění.
Janko Alexy: Osudy slovenských výtvarníkov.

## INFORMOJ EL EKSTERLANDO.

Brazilo. La federacia registaro subvencias la Brazilan E-Ligon. — La ministro por lernejoj donis subtenon al la konkurso, kiun la BEL aranĝis inter la gestudentoj de mezlernejoj tra la tuta lando. — En la ŝtato Rio Grande do Sul la registaro donis subvencion por kursoj de E. — La Brazila Instituto por Geografio kaj Statistiko aranĝis denove kurson de E. por ŝtataj oficistoj. Esperanto estas instruata en multaj lernejoj de nombraj urboj en la lando.

Britujo. La ministerio por eksteraj aferoj efektivigis oficialan kurson de E. por siaj oficistoj kaj diplomatoj. — Esperanto estas instruata en la universitato de Liverpool. Diversaj lernejoj, vesperaj kursaroj kaj aliaj institutoj aranĝas kursojn de E.; la kursoj estas subvenciataj de la ŝtato.

Danlando. Esperanto estas oficiale aprobita instru-objekto en tielnomataj „Vesperaj lernejoj“. — „Dana internacia Studenta Komitato“ aranĝis „Arĥeologian tendaron en Aggersborg“ en la tagoj 20-a de junio — 20-a de julio 1950; en unu el la laborgrupoj estis Esperanto la oficiala interkomprenigа lingvo. — En Kopenhago estis fondita „Internacia Studenta Klubo“, kiu starigas rilatojn kun similaj rondetoj en eksterlando.

Francio. Nedevigaj kursoj de E. estis gvidataj en instruistaj seminarioj en ok urboj. — Somera kurso de E., por instruistoj estis en Saint Germain en Laye. — Esperanto estis instruata en 33 lernejoj al 418 gelernantoj.

Indonezio. Esperanto-movado kreskas kaj fortiĝas.

Greklando. La ministro por edukado K. Tsatos per cirkulero rekomen-

das al geinstruistoj de ĉiugradaj lernejoj, ke ili ebligu kaj subtenu la libervolan instruadon de E.

Pri Hungarujo vidu nian artikolon „Letero el Hungarujo“ sur sekvanta paĝo.

Japanio. Oficiale estas E. instruata en la lingvaj kolegioj de fakaj universitatoj en Osaka, Kobe kaj Otami. En dek oficiale aprobitaj lernolibroj por duagradaj lernejoj estas envicigita artikolo pri D-ro Zamenhof kaj Esperanto. — La Ministerio por edukado rezervis 20.000 jenojn, disdonotajn en formo de premioj al studentoj, okupiĝantaj pri esperantologio. — Esperantorondetoj funkcias ĉe pli ol 25 universitatoj kaj ĉe pli ol 30 superaj lernejoj. — 85 japanaj sciencistoj kaj teknikistoj devigis sin aperigadi en E. ĉiujare almenaŭ unu sciencan disertacion kaj laŭeble aldonadi esp-ajn resumojn al ĉiuj de ili skribotaj sciencaj verkoj.

Nederlando. En kvin instruistaj seminarioj estis nedevigaj kursoj, kiujn partoprenis 166 geinstruistoj. La kursoj estis oficiale subvenciataj. — La instituto „Esperanto en lernejo“ aranĝis en Havelte E-kurson por instruistoj. — Esperanto estas instruata en 27 bazaj lernejoj al proksimume 1000 gelernantoj; en iuj el la ceteraj lernejoj E. estas deviga lern-objekto. La jarkunveno de la mezlerneja instruistaro unuanime akceptis rezolucion, kiu rekomendas enkonduki Esperanton kiel nedevigan instru-objekton en ĉiujn mezlernejojn.

Norvegio. La supera oficiale aprobita perletera lernejo „Folkets brevskole“ (Popola perletera lernejo) eldonis E-kurson kaj jus faras propagandon por tiu ĉi temo.

Pollando. En la universitatoj en Kraków kaj Łódź, same kiel ankaŭ en aliaj malpli altgradaj lernejoj estis aranĝitaj kursoj.

Svedlando. Kiel en la pasintaj jaroj, ankaŭ ĉi-jare la sveda parlamento laŭ propono de la registaro aprobis la sumon de 5.000 sv. kronoj por subvencii la kursojn de E. por instruistoj. En la tuta lando funkcias multaj publikaj kursoj.

---

AL LA PRESFONDAĴO DONACIS:

A. D. Kremer, Košice 100.—; T. Šimko, V. Čauša 100.—; M. Jakubcová, Brno 100.—; A. Frimmel, T. Sv. Martin 150.—; L. Svoboda, Plzeň 100.—; R. Dávid, Liberec 50.—; A. Čambál, T. Sv. Martin 100—; F. Večeřa, Uh. Brod 100.—; A. Csáder, Bratislava 100.—; J. Zdráhal, Šelešovice 27.—; O. Erben, Opava 20.—; L. Horváth, Modranka, 60.—; R. Kilianová, Michalovce 17.—; . Zigová, Bratislava 37.—; M. Rybín, Partiz. Ľupča 35.—;

D. Prandorfi, Gottwaldov 50.—; R. Kaplerová, Brno 30.—; O. Ginz, Praha 100.—; A. Surová, Košice 50.—; J. Hajzok, Bratislava 150.—; J. Sobotka, Radonice 51.—; E. Obracaj, Šumbark 30.—; A. Hojdys, Ostrava 70.—; A. Staňura, Ostrava 30.—; F. Štajnoch, Ostrožská Lehota 50.—; V. Koukalová, Uh. Ostroh 50.—; Š. Baláž, Hont. Tesáre 50.—; A: Ilavská, T. Sv. Martin 50.—; M. Rybin, Partizánska Ľupča 50.—; J. Vorel, Karlovy Vary 100.—; E. Matejka, Makyta 70.—; J. Kratochvíľa, Sereď 100.—; A. Gregorovič, Bratislava 50.—; A. Bálintová, Michalovce 50.—.

SINCERAN DANKON!

# *Letero el Hungarlando*

*Post la liberigo de Hungarujo (la 10-an de junio 1945) en Sudhungarlanda urbo Orosháza kunvenis esperantistoj el la suddepartementaj urboj Békéscsaba, Gyula, Hódmezővásárhely kaj Orosháza por priparoli la problemon de revigligo de la Esperanta movado. La kunvenon partoprenis ankaŭ delegito el Budapest, reprezentante la landan Esperanto-Centron, kaj sekretarioj de la tiamaj du laboristpartioj, promesinte konvenan subtenon por la Esperanto-movado. Tiu ĉi konferenco ekfunkciigis unue post la dua mondmilito denove la movadon.*

*Post ĉi tiu konferenco okaze de la XVI-a Hungara Landa kaj unua fervojista Kongreso, aranĝita la 18—20-an de aŭgusto 1946 en urbo Orosháza, la ĉeestintaj sudhungarlandaj esperantistoj denove kunvenis kaj decidis fondi la „Sudhungarlandan Esperanto-Movadon", kiu celos plivigligi la Esperantan vivon en la Suddepartementoj kaj prosperigi tie le movadon. Per ĉi tiu decido komenciĝis la organiza laboro, serĉado de esperantistoj, kiuj fariĝos diversloke perantoj de la movado. Kiam sukcesis sufiĉnombre trovi taŭgajn lokajn perantojn kaj ekfunkciigi ilin, la sudhungarlanda esperantistaro denove kunvenis, ĉi-foje en la urbo Orosháza, la 20-an de aŭgusto 1948. Ĉi tiu konferenco decidis, ke oni ne elektos por la movado estraron, sed ke la aferojn direktu la elektota distrikta peranto, kaj ke ĉie funkciados lokaj perantoj, kies laboro certigos la deziratan progeson de la movado. La konferenco samtempe decidis, ke ĉiusomere oni aranĝos „Sudhungarlandan Esperanto-Konferencon", dum kiu oni priparolos la novajn kaj aktualajn problemojn de la movado. Laŭ ĉi tiu decido oni aranĝis la sekvontjaran konferencon (la 31-an de julio 1949) en la urbo Szentes. Partoprenis ĝin ankaŭ estraranoj de la „Hungarlanda Esperanto-Societo". La konferenco konstatis kaj fiksis, ke la „Sudhungarlanda Esperanto Movado" (S. E. M.) ne estas ia organizaĵo, havanta estraron, sed nur simpla kadro, celanta kunigi kaj funkciigi unuec-direkte la sudhungarlandan esperantistaron. La distrikta peranto samtempe raportis pri la pasintjara funkciado de S. E. M. kaj laŭ lia raporto apartenas al la S. E. M. nun 126 urboj kaj vilaĝoj; la plej grava tasko estas trovi ĉiuloke taŭgajn lokajn perantojn, ĉar ĝis nun ili funkcias nur en 8 urboj kaj 26 vilaĝoj; li raportis, ke li kvaronjare aperigis litografitajn cirkulerojn por sciigi la sudhungarlandan esperantistaron ĉefe pri la okazintaĵoj en S. E. M.*

*La sekvontjara konferenco de S. E. M. estis aranĝita la 2-an de julio 1950 en la urbo Hódmezővásárhely; partoprenis ĝin ankaŭ ĉefurbaj gesamideanoj kaj la reprezentanto de la Hungara Laborista Partio. La konferenco decidis, ke per t. n. „vilaĝ-iradoj" (kvaronjaraj) oni pli-vigligos la movadon, helpante la pli malfortajn grupojn, celante starigi novajn grupojn kaj samtempe aranĝi lingvokursojn. El la raporto de la distrikta peranto la konferenco sciiĝis, ke en la sudaj departementoj plej vigle progresas la movado en la urboj Békéscsaba, Hódmezővásárhely, Orosháza, Szeged kaj Szentes, dum en aliaj lokoj oni devas ĝin iom plifortigi.*

*La Sudhungarlandaj Esperanto-Konferencoj nuntempe havas tre gravan rolon en la movado, precipe tial, ĉar Landa Esperanto-Kongreso estis aranĝita lastfoje nur printempe en 1949, sed ne en jaro 1950; tial la hungara esperantistaro povas pridiskuti siajn problemojn nur okaze de la konferencoj de S. E. M.*

*Resumante la ĝisnunan funkciadon de la S. E. M. oni povas konstati, ke ĝi vere taŭgas kunigi la sudhungarlandan esperantistaron kaj gvidi la movadon antaŭen, kaj oni povas diri, ke la anoj de ĉi tiu movado volas energie labori kaj batali per Esperanto por la Mondpaco.*

*D-ro Bálint Szemenyei*
*Distrikta peranto de S. E. M.*
OROSHÁZA, *Hungarujo.*

# Pliperfektiĝu!

Prekladáme slovenskú preložku (a predponu) „*na*."

Idem *na* schôdzku. — Mi iras *en* la kunvenon.
Cestujem *na* sjazd. — Mi veturas *al* la kongreso.
*Zúčastním sa na* sjazde. — Mi *partoprenos* la kongreso*n*.
Idem *na* stanicu, *na* zastávku. — Mi iras *al* la stacidomo, *al* la haltejo.
Ponáhľam sa *na* vlak. — Mi rapidas *al* la vagonaro (trajno).
Cestujem *na dovolenku*. — Mi veturas *libertempi*.
Pôjdem na liečenie. — Mi iros (veturos) kuracigi min.
Idem na hríby. — Mi iras serĉi fungojn.
Idem *na* víno. — Mi iras *trinki vinon*.
Čakám *na teba* (vás). — Mi atendas *vin*.

Sverím sa *na vás.* — Mi konfidas min *al vi.*
Myslím *na* neho. — Mi pensas *pri* li.
Je *trištvrte na* dvanásť. — Estas *kvarono antaŭ* la dekdua.
*Na* tvoje (vaše) zdravie! — *Je* via sano!
Chytil rybu *na háčik.* — Li kaptis fiŝon *per hoketo.*
Kúpil som kefu *na* vlasy. — Mi aĉetis broson *por* haroj.
Budem doma *na* Veľkú noc. — Mi estos hejme *dum* Pasko.
*Naporúdzi* (poruke). — *Ĉemane.*
Chystám sa *na* skúšku. — Mi preparas min *por* ekzameno.
Tento dom je *na predaj.* — Ĉi tiu domo estas *aĉetebla.*
Dal som jej peniaze *na chlieb.* — Mi donis al ŝi monon *por aĉeti panon.*
Viem to nazpamäť. — Mi scias tion parkere.
*Poďte na slovíčko! — Venu por iom babili!*
Je odborník *na slovo vzatý.* — Li estas *vera (perfekta)* fakulo.
Je doma na Považí. — Li estas hejme en Považie.
Je dobrý len *naoko.* — Li estas nur *ŝajne* bona.
Semafor je (stojí) *na* „stoj", *na* „voľno". — La semaforo staras *je* „halto", *je* „eniro".
Hudba *na želanie.* — Muziko *laŭ deziro.*
Tieto kvety ostanú *na semeno.* — Ĉi tiuj floroj restos *por akiri semojn.*
Má dcéru už *na vydaj.* — Li havas filinon jam *edzinigeblan.*
Rozsekal to *na kúsky.* — Li dishakis tion *en pecojn.*
Dostal som to *na ukážku,* na vzor. — Mi ricevis tion *specimene,* kiel modelon.
Na ukážku! — Specimeno!
Sú si *podobní navlas.* — Ili *harprecize similas* unu la alian (unu al la alia).
Priblížil sa *na dosah.* — Li alproksimiĝis *je manetendo.*
Stal sa mu *dlžníkom na celý život.* — Li fariĝis lia *dumviva ŝuldanto.*
Stal sa jeho smrteľným nepriateľom. — Li fariĝis lia ĝismorta malamiko.
Sľúbil mu to *na* svoju *česť.* — Li promesis tion al li *je* sia *honesteco.*
Zavolal ho *na obed.* — Li invitis lin tagmanĝi.
*Nakedy to potrebuješ?. — Kiam vi tion bezonos?*
Valčík na rozlúčku. — Valso je adiaŭo.
Pricestoval *naobed* (napoludnie). — Li alveturis *tagmeze.*

*Kompilis Št. R. S.*

ARĤEOLOGIAJ ELFOSAĴOJ. Esploroj, entreprenitaj de sovetaj arĥeologoj sur Kamir Blur (Ruĝa Monteto) apud Everan (Armenio), malkovris restaĵojn de antaŭhistoria urbo Teiĥebaini, en iama reĝolando Ottrartu. La urbon, konstruitan en VII-a jarcento antaŭ nia epoko, poste detruis *Skitoj*, barbara, nomada popolo de nordorienta Eŭropo kaj nordokcidenta Azio. Inter la ruinoj de la palaco estis trovitaj multaj objektoj, ekz. lampo 145 cm alta, vinkalikoj dekoritaj per bovkapoj, armiloj, vestaĵornamaĵoj, kelkaj peltoj plenaj de grajnoj, nutraĵoj (i. a. milipano) ktp. Daŭrigata estas la elfosado de palacaj ĉambroj, i. a. de salono, havanta pli ol 300 $m^2$ de surfaco.

*Tradukis M. C.*

## ANONCETOJ

MALLONGIGOJ: dez.—*deziras;* kor.—*korespondi;* iŝ.—*interŝanĝi, -as;* pm.—*poŝtmarkoj(n);* pk.—*poŝtkartojn;* il. pk.—*ilustritajn pk;* ĉ. l.—*ĉiuj landoj;* ĉ. t.—*ĉiuj temoj;* t. m.—*tuta mondo;* espaĵoj(n)—*esperantaĵoj*(n); esp-isto—*esperantisto;* ktp.—*kaj tiel plu;* k. s.—*kaj simile;* rk.—*respondkupono internacia;* g.—*gazeto;* Rc!—*respondas certe!*

Ĉiu anoncanto morale devigas sin respondi almenaŭ unufoje al ĉiu, kiu skribos al li.

S-ano Inĝ. Johann Mora, KUFSTEIN-2, Postfach 21, Tirol, Aŭstrujo, dez. kor., iŝ. pm., il. pk:, g-ojn ktp. Rc-

S-ano Josif Nikolov Arsirov, ASSENOVGRAD, str. Plovdivska 2, Bulgarujo, dez. kor. pri ĉ. t. kun t. m., iŝ. il. pk.

S-ano Ivan Janĉev Demerĝiev, BURGAS, str. Pop Gruju 20., Bulgarujo, dez. kor. kun 15—18 jaraĝa gimnaziano el ĈSR kaj iŝ. pm., pk., g-ojn ktp. en Esp-o kaj rusa lingvo.

S-ano J. T. Szalva, ESZTERGOM, Simor-u. 38, Hungarujo, sendos 100 malsamajn pm. el sia lando kontraŭ la sama el la via. Rc!

S-ano Veno Mádle, BUKOVINA 26, p. Pecka, Nová Paka, ČSR, iŝ. pm. el ĈSR kontraŭ eksterlandaj pm.

S-ano Aŭg. Ĉambál, regiona peranto de SES, MARTIN, Rázusova 130, ĈSR-Slovakujo, dez. kor. kun t. m. pri t. ĝeneralaj, pri pedagogio, psiĥologio, tekniko kaj metodoj kiel disvastigi Esperanton, iŝ. esp-aĵojn kaj taŭgan literaturon. Rc!

S-ano Ján Řepka, gimnaziano, GALANTA, ĈSR-Slovakujo, dez. kor. kun ges-anoj el ĉ. l. pri ĉ. t., iŝ. pm. kaj il. pk. Rc!

S-ano Ladislav Královec, 27-ja. fraŭlo dez. kor. per let. aŭ il. pk. pri ĉ. t. kun ges-anoj el t. m. Aĝo ne decidas. Adreso: PLZEŇ, Kleisslova 1, ĈSR.

S-ano L. Málek, VÁPENNÝ PODOL 35, ĈSR, por 50 pm. de t. m. sendos la saman kvanton de p. m. ĉeĥoslovakaj.

S-ano Miloslav Bartl, VÁPENNÝ PODOL, ĈSR, por 50 pm. de la tuta mondo sendas la saman kvanton de ĈSR, Protektorat Böhmen u. Mähren kaj Slovenský štát.

S-ano Fran. Svaĉina, LANŽHOT, ĈSR, korespondas, diskursas kaj diskutas dum distriktaj kaj regionaj kunvenoj sole pri jenaj temoj: 1) Pri metodo, kiamaniere ĉesi fumadon kaj per mono tiel ŝparita disvastigadi nian movadon. **2) Pri homa vivo.**

S-ano Dimitr Ivanov, Str. „Niŝ“ 4, RUSE, Bulgario, dez. kor. kun ges-anoj el t. m., iŝ. esp-aĵojn, g., librojn, il. pk., fot-aĵojn, mod-revuojn, ekspoziciaĵojn, propagandmaterialojn ktp.

*Ľudo Izák:*

## KURZ ESPERANTSKÉHO DOPISOVANIA.

Kurz, vychádzajúci a rozvíjajúci sa z prvej vety, sostavil som na základe skúseností pri vlastných začiatkoch a pri vyučovaní žiakov, horiacich netrpezlivosťou: môcť poslať čo najskôr esperantský list. Ako nelingvista-praktik, nenárokujem si úplnosť a tým menej vedeckosť. Prosím však kritické poznámky a doplnky skúsenejších, ktoré prijmem práve tak ochotne ako i želania začiatočníkov.

Kurz od počiatku dbá na správnu výslovnosť a na nevyhnutné základy mluvničné.

*Mi deziras korespondi Esperante* = Ja (si) želám korešpondovať esperantsky. Čítaj: Mi dez*í*ras korespondi Esper*a*nte, t. j. *prízvukuj vždy predposlednú slabiku!* ... Pozor na rozdiel vo výslovnosti medzi de-*zir*- a kores-*pond*-! Slabika „-zir-“ v slove d e z i r a s sa *predlžuje*, lebo za jej samohláskou (i) nasleduje len jedna spoluhláska (r), ale slabika „-pond-“ v slove k o r e s p o n d i sa nepredlžuje, lebo za jej samohláskou (o) nasledujú d v e spoluhlásky (-nd-). Esperanto nemá osobitný znak na vyznačenie dĺžky hlások.

Pravidlo: *esperantský prízvuk je vždy na predposlednej slabike a nie ako v slovenčine na prvej* (esperantsky by znelo veľmi nepekne: Mi deziras korespondi Esperante). *Ak za samohláskou predposlednej slabiky nasleduje len jedna spoluhláska* (-zi-r-), *samohláska sa i predlžuje* (de-*zír*-), *ale ak za ňou nasleduje viac spoluhlások* (-po-nd-, -a-nt-), *samohláska zostáva krátkou.* Teda ešte raz:

Mi deziras korespondi Esperante — čítaj: Mi dez*í*ras korespondi Esper*a*nte.

Výnimka: Prvé slovo v tejto vete, ako vôbec *každé jednoslabičné slovo v esperante je neprízvučné.* Môže mať len vetný prízvuk, keď napr. chceme zdôrazniť, že j a si želám dopisovať (M i deziras...)

Doktoro Esperanto — čítaj: Dokt*ó*ro Esper*a*nto (Doktor Dúfajúci). Tak sa podpísal Dr. Ľudovít Lazar Zamenhof, varšavský očný lekár, tvorca medzinárodného pomocného jazyka, pod svoju prvú učebnicu, ktorú vydal po rusky, vo Varšave r. 1887. Názov „Esperanto“ preniesli potom i na novú reč. Preto „esperanto“ píšeme p o e s p e r a n t s k y vždy s veľkým začiatočným písmenom „Esperanto“, kým „esperanto“, t. j. s malým začiatočným písmenom, po esperantsky by znamenalo: dúfajúci (človek).

Mi deziras korespondi *Esperante* = Želám (si) dopisovať esperantsky.
Mi deziras korespondi *e*sperante = Želám si korešpondovať dúfajúc.

*Esperantská výslovnosť.* V esperante každú literu treba vysloviť tak, ako je napísaná (demo*k*rato, nie demo*g*rato — demokrat) a nijaká litera nemá vliv na výslovnosť litery predchádzajúcej, čiže ani samohlásky „e“ a „i“ neobmäkčujú predchádzajúce spoluhlásky d, l, n, t. Nesmieme preto čítať: Mi ďez*í*ras korespo*n*ďi Esper*a*nťe!... Taktiež nesmieme vyslovovať „korešpondi“ ako v slovenčine, ale len „korespondi“... Ani nehovorme: Mi dez*í*ra*z* korespondi, ale: **Mi dez*í*ra*s* korespondi.**

Mi dez*i*r-as = ja (si) želám... je čas prítomný, *prezento.*

*Koncovkou prítomného času je „-as“.*

Korespond-i = dopisovať... je čas neurčitý, neurčitok, *infinitivo.*

*Koncovkou neurčitku je „-i“.*

Dez*i*ri = želať, želať si.

Mi korespondas = Ja (si) dopisujem. Korešpondujem.

Voli (č. vóli), chcieť. Mi volas (č. vólas) = chcem.

Mi volas korespondi — Chcem korešpondovať.

1. Doktoro korespondas. 2. Doktoro volas korespondi. 3. Doktoro deziras korespondi... 1. Demokrato..... 2. Demokrato volas....., 3. Demokrato dez..... kor.....

Doktoro esperanta = dúfajúci doktor. Demokrato Esperanta = demokrato esperantista (esperantský demokrat = demokrat-esperantista).

Demokrat-o, doktor-o sú podstatné mená (odpovedajú na otázku k t o, č o, teda *podstatnomennou koncovkou je „-o“.*

Esperant-a, esperant-a sú prídavné mená (odpovedajú na otázku a k ý, a k á, a k é), teda *prídavnomennou koncovkou je „-a“.*

Esperant-e, esperant-e sú príslovky (odpovedajú na otázku a k o), teda *príslovkovou koncovkou je „-e“.*

„Mi“ je *osobné zámeno.*

Deziri, voli, korespondi sú *slovesá,* znamenajú činnosť.

*Kiu* = kto; ktorý, -á, -é (vyslov ako je napísané, teda nie: ki-u, ani: kju), *ĉ* = č, *ĉiu* = každý, -á, -é; všetko, *ŝ* = š, *ŝi* = ona, *ĝ* = dž, *ĝi* = ono (pozor na výslovnosť: *dži,* nie d-ži), *mi* = ja; *vi* = ty (vy); *ili* = oni ony; *oni* = ľudia, -sa (oni deziras = ľudia si želajú, želá sa).

*Kiu?* = kto? *ni*=my, *li* = on; *li, ŝi, ĝi* = on, ona, ono.

Výnimka: čítaj krátko — k*i*u, *i*li, *o*ni, nie: kíu, íli, óni; o n i vyslov tvrdo, nie: oňi!